Jaro III MARTO-APRILO 1913 8-9

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

(I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

— Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.) —

JARA ABONO : Sm. 1.500 — Senpaga por la membroj de I. A. I.

Membra kotizaĵo por 1 jaro (La asocia jaro komencas la 1an de Aŭgusto)
- ordinara membro : 1 Sm.
- membro - propagandulo : 4 Sm.
- membro - donaculo : 10 Sm.

N. - B. — I. A. I. ankaŭ akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

## Tarifo pri anoncoj.

Por unufoja enpreso :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1/1 paĝo . . | Sm. 16 | 1/8 paĝo . . | Sm. 3,200 |
| 1/2 paĝo . . | Sm, 10 | 1/16 paĝo . . | Sm. 2 |
| 1/4 paĝo . . | Sm. 6 | | |

Malgrandaj anoncoj nekomercaj Sm. 0,200

Rabato por 3-foja enpreso : 10 %
» » 6-foja » 20 %
» » 12-foja » 30 %

N. - B. — La membroj de I. A. I. pagas nur je duonprezo, krom la rabato, ĉiujn anoncojn.

*Avizoj de la Redakcio.* — Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj ; sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaŭ 2 ekzemplerojn de la tradukaĵo. — En la fako « Bibliografio » estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 2 ekzemplerojn. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

REDAKTORO - ADMINISTRANTO :
Sro JAN JACOBS, kasisto de I. A. I.
BOOMSCHE STEENWEG 444, ANTWERPEN — BELGUJO.

## Estraro de I. A. I.

Honora prezidanto : Sro Dro E. Boirac, rektoro de la universitato, Dijon, (Francujo).
Prezidanto : Sro Th. Cart, profesoro de la universitato, Paris, (Francujo).
Vic-prezidanto : Sro Maréchal, profesoro, Leeds, (Anglujo).
Vic-prezidantino : Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino. Köln a/R (Germanujo).
Sekretario : Sro F. Durieux, direktoro de lernejo, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).
Kasisto : Sro J. Jacobs, komunuma instruisto, 444, Boomsche Steenweg, Antverpeno (Belgujo).
Konsilantoj ; Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo)
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrio).

## Konstantaj korespondantoj

ANGLUJO : Fino E. O'Brien. — AŬSTRIO : Sro A. Neŭzil. — BOHEMUJO : Sro J. Süsser. — BULGARUJO : Sro G. Poppoff. — DANUJO : Fino A. Mikkelsen. — FINNLANDO ; Sro E. Elenius. — FRANCUJO : Sro J. Aizière. — GALICIO : Sro J. Kaszycki. — GERMANUJO : Sroj M, Sykora & K. Härtel. — HINDUJO : Sro J. N. Unwalla. — IRLANDO ; Fino Stark. — ITALUJO : Sro A. Stromboli — NEDERLANDO : Sro Lutkie. — POLUJO : Sro A. Lipski. — PORTUGALUJO ; Sro J. Pires Marques. — RUMANUJO : Sro M. Timuŝ. — RUSUJO : Sro S. Kuznecov. — SIBERIO : Sro I. Seriŝev.

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika au religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman karakteron kaj neniam publikigos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj gelegantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R.

Vendotaj tute je la profito de la kaso de I. A. I. : 12 ekzempleroj de « *La Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperanton* », originale verkita de F. L. G. Maréchal, B. A. — Prezo : **0.500** Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro)

10 ekzempleroj de « *Noto pri la Inicilo Matematika* » (16 desegnajoj en la teksto kaj unu folio eksterteksta kun 16 desegnajoj), verkita de Jacques Camescasse. — Prezo : **0.400** Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

77. ***Akvo-trinkpokaletoj*** por la migrulo. — Prezo 3 ope por **0.100** Sm. (1 respondkupono) (afrankite) (Donaco de S-ro E. Ulitzsch).
Oni mendu tuj ĉe la administranto de I. P. R.

---

# LUEBLA

# Nova fako de la instruado

de F. J. HAVELKA

*Eksasistanto de la Leipziga reĝa artakademio*

La formoj de la literoj havas sian historian evolucion, kiun ni povas sekvi kelkajn miljarojn reen. La ĉizilo kaj tranĉilo estis la unuaj iloj por skribi sur ŝtono aŭ ligno. La komencan skribadon per bildoj konservis ĝis nuna tempo la Indianoj en Ameriko. La•Meksikanoj jam longe antaŭ Kristo tuberligis ŝnurojn farante diversajn retojn kaj nodojn, kaj povis tion legi. La Ĥinoj transformis el bilda la vortan skribadon uzante por skribado kreskaĵtrunketojn, ĝenerale papirusajn, pli malfrue kanajn, kiujn ili je la fino maĉis, farante tiamaniere penikojn ; per haraj penikoj kaj ĥina inko ili skribis certe jam 600 jarojn antaŭ Kristo. La Japanoj aliformigis por sia uzo la Ĥinan skribmanieron (En lasta tempo penas ne nur la Japanoj, sed ankaŭ la Ĥinoj kaj Perso) enkonduki latinajn literojn). La Egiptanoj ĉizis belajn surskribojn sur ŝtonoj, la Babilonoj kaj Asiroj skribadis gravurante en mola argilo per angulaj bastonetoj. Tie ĉi mi povas diri, ke la materialo ĉiam kondiĉis la karakteron de la literoj. El la kojno-literoj fariĝis en Egiptujo la hieroglifoj, kiuj signifas jam transiron al sonliteroj.La Fenicianoj faris el Babilonaj literoj alfabeton, sed konservis ankoraŭ la skribmanieron de dekstra al maldekstra flanko. El tiu ĉi fariĝis la Hebreaj literoj. La sonliteroj de Fenicianoj alproprigis sin la Grekoj, transformante ilin laŭ sia bezono kaj skribante malpli frue de la maldekstra flanko al dekstra. El la transira tempo konserviĝis surskriboj, kiujn oni devas legi nekutime — la unuan linion de la dekstra flanko al maldekstra, la duan de maldekstra al dekstra flanko, la trian denove de la dekstra flanko al maldekstra ktp. La Romanoj alprenis la literojn de la Grekoj kaj kreis el ili sian propran alfabeton. En Rusujo fariĝis, per mikso de

malnovslavaj literoj kun la Grekaj, la azbuko. El romana alfabeto naskiĝis verŝajne en frua Mezepoko la runoj, kiujn la scienculoj alskribas aŭ al Germanoj aŭ al Slavoj.

En la jaro 305 post Kristo oni jam skribas per inko kaj kanaj plumoj, kio havis grandan influon sur la kreado de la formoj de literoj. La skribado estis sekreta privilegio de altranguloj kaj pastraro ; oni eĉ kredis, ke ĝi havas miraklan forton kaj ke la libroj estas sanktemaj (*). Nur en la tempo de Renesanco, kiam la scienco estis populari-gita, venis pli bonaj tempoj al la librovendado — sed samtempe al cenzuro !

La formoj de la literoj ĉiam ŝanĝiĝis, speciale en Mezepoko, kiam ĉiu skribisto ŝanĝis la formojn laŭvole, ofte eĉ forgesante la stilon de sia tempo. La patrino de ĉiuj niaj literoj estas la latinaj el la grandepoka romana tempo; ili havas admirindan simplecon kaj belecon de la formoj. Post la disfalo de la granda romana imperio aperis du novaj tipoj : « uncialaj literoj (4 jarcento) kaj « minuskeloj », kiujn oni poste uzadis kune kun la uncialoj.

Kun la gotiko en la 12a jarcento aperas la gotikaj literoj, kiuj ofte aliformiĝis kaj fariĝis fine tre riĉaj kaj disciplinaj ; eĉ regulojn por uzado de majuskeloj kaj minuskeloj (grandaj kaj malgrandaj literoj) ili havis. En la duono de 15a jarcento venkas per helpo de Renesanco denove la romanaj literoj. Je la fino de tiu ĉi jarcento oni anstataŭas en Italujo la romanajn literojn per latinaj (antiqua), kiuj baldaŭ estas ŝatataj en Francujo, Germanujo kaj alie. En la nordaj landoj oni uzis krom latinaj ankaŭ la gotikajn, kiuj estis en la komenco de 16a jarcento modernigitaj, inter alie ankaŭ de A. Dürer. Krom tiuj tri alfabetoj uzataj de tipografaj presejoj ekzistis ankoraŭ la itala kursivo, uzata nur skribe. (**)

(*) Tie ĉi mi volas rimarkigi, ke la stenegrafio estis uzata jam en la jaro 27 post Kristo en Egiptujo.

(**) Same kiel la literoj havas ankaŭ la ciferoj sian evolucion historion. La Romanoj uzadis anstataŭ ciferoj literojn, kia metodo daŭris ĝis la jaro 1100, kiam estis enkondukitaj arabaj ciferoj, kiuj nur en la 15a jarcento estis komune uzataj. Numtempaj formoj de ciferoj estas de la fino de 19a jarcento.

En Berlina muzeo de literoj estas konservataj kelkaj malnovaj, interesaj skribiloj. Unu el ili (almenaŭ du mil jarojn kalkulanta) el palma ligno estas delive detranĉita kun ronda ne disigita pinto kaj per ĝi oni skribis sur arbŝeloj kun fulgo. Tian skribilon uzis Indaj popoloj kaj ankoraŭ uzas Batakoj, popolo vivanta en meza Sumatro.

Alian skribilon oni uzas en Malantaŭa Hindujo. Ĝi havas akran pinton, per kiu estas la teksto engravurigata sur palmaj folioj, glatigitaj kiel papero. Tiamaniere surskribitajn foliojn oni kunmetas per fadeno, farante ion simila al libro. En la muzeo estas kelkaj tiaj « libroj », iaj eĉ kun orumo. Similajn faras la popoloj vivantaj sur Celebeso.

Unu malnova Egipta papiruso estas surskribita per maldika skribilo el kreskaĵtrunko, simila al trikmetalfadeno. Ĝia finaĵo estas per frapado tiamaniere prilaborita, ke ĝi haltas la skribfluidaĵon, kiel peniko. Por skribado estis uzitaj koloroj: nigra, ruĝa kaj flava. Ankaŭ oni havis diverskolorajn skribilojn laŭ tio, kiel dikaj devis esti la literoj.

Alia skribilo estas de Siamo, kie troviĝas multe da talko, ĝi estas el bambua kano. Siamanoj laŭt io skribadis ankaŭ per skribiloj. Nun ili skribas per kreto sur ardeztabuloj aŭ per krajono sur papero. La libroj havas formon de ventumiloj.

Sed la plej disvastigita skribilo estis la kana plumo. En la nomita muzeo estas bela kolekto de plej diversaj; kelkaj estas delivitaj dekstren, aliaj en la mezo disigitaj aŭ havas rondigitajn pintangulojn. La kana plumo estis precipe en la Mohamedanaj landoj uzata. En Eŭropo oni uzis ĝin antaŭ la kiloplumo, poste kune kun ĝi. Per la kana plumo estis skribitaj gravaj vortoj aŭ desegnitaj ornamaj linioj. Ĉiuj Arabaj literalfabetoj estas skribataj per kanaj plumoj. Tiujn ĉi skribilojn ni trovas aŭ kiel tubo je la fino pritranĉita, aŭ kiel kanosplito, kiun oni donas en haltigilon. Blanckertz ordigas la kanajn plumojn inter la *ne elastikaj skribiloj*, ĉar ili konsistas el malmola tenilo kaj ne elastika pinto. Eĉ per la distranĉo de la pinto de skribilo ne fariĝas elastika. Ĝi estas nur tial disigita, por

ke la skribfluidaĵo pli bone defluu. Sur iaj pli dikaj troviĝas nur fendo.

Inter la *elastikaj skribiloj* troviĝas unuavice la peniko, kiun uzas la Ĥinoj, Japanoj kaj Koreanoj de longe. Ĝi estas el kuniklaj aŭ homaj haroj kaj per ĝi oni skribas sur silkpapero kun ĥina inko. La ĥinaj literoj estas legataj de supre malsupren kaj de dekstra al maldekstra flanko. Ĥinoj havas por ĉiu vorto apartan signon, kontraŭ tio la Japanoj havas silabojn. Ĉiu kaligrafo estas skribisto kaj desegnisto samtempe.

La dua eminento elastike skribilo estas la kiloplumo, kiu servis speciale al Eŭropa kulturo kaj kiun oni ankoraŭ nuntempe uzas en Anglujo, kie ĝi konkuras kun la metalplumo. Preskaŭ ĉiuj malnovaj eŭropaj libroj estis skribataj per kiloplumo, kies absolutan regadon forpuŝis la grandioza eltrovo de Gutenberg. De tiu tempo servis la kiloplumo nur al privataj bezonoj kaj ĝi estis uzata ĝis la tempo, kiam Senefelder eltrovis la metalplumon.

Senefelder konstruis la metalplumon por desegnado sur litografa ŝtono, ĉar la kiloplumo estis tro molaj. Anglaj fabrikantoj ekuzis tiun ĉi eltrovon kaj fabrikis plumojn por skribado sur papero. Per tiuj ĉi plumoj estis skribata tiel nomita «écriture anglaise» kun tre maldikaj fadenlinioj. La fabrikado de tiuj metalplumoj kaj modeloj de literoj estis en Anglujo speciale por la eksporto alilanden, ĉar ėnlande nur malmultaj ŝatis ilin.

Nova angla reformo devigis nun la plumfabrikejojn fari metalplumojn kun malakra pinto kaj diversajn aliajn artskribilojn el ligno, kano, eĉ el vitro k. t. p. Novaj reformliteroj servos ne nur al artistoj, sed precipe al tendencoj de artedukado, kiu ankoraŭ malmulte estis prizorgita en lernejo kaj praktiko. Se ni volas plibeligi nian vivon per arto, ni ne devas forgesi la artskribon, kiu estas la unua instruobjekto de lernejoj kaj komuna objekto de simpla arto — aŭ, la komenco de nia kulturo.

(*Daŭrigota*).

# Esperanto por la Nekleruloj

## Unua Leciono.

Klarigu ! a e i o u ŭ

c =, ĉ =, g =, ĝ =, h =, j =, ĵ =, s =, ŝ =

Klarigu la tabulon

1. 2. 3. 4. 5. 6.

| 1 | 2 | | 3 | 4 | 5 | 6 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | mi | | as | *vin* | *o* | *n* |
| | ci | | as | | | |
| mi | li, ŝi, ĝi | *trink* | as | bieron, akvon, | | |
| | ni | | as | lakton, kafon | | |
| | vi | | as | teon | | |
| | ili | | as | | | |
| | | | is | | | |
| | | | is | *leter* | *o* | *n* |
| (ci) | | *skrib* | is | | | |
| | | | is | poŝtkarton, libron | | |
| | | | is | vorton | | |
| | | | os | | | |
| | | | os | *lecion* | *o* | *n* |
| | | | os | | | |
| li, ŝi, ĝi | | *lern* | os | kanton, lingvon | | |
| | | | os | | | |
| | | | os | | | |
| ni | | | us | | | |
| | | | us | *ĵurnal* | *o* | *n* |
| | | *leg* | us | | | |
| | | | us | revuon, libron | | |
| vi | | | us | | | |
| | | | us | | | |
| | | | | panon | | |
| ili | | *manĝ* | u | viandon | | |
| | | | | frukton | | |

7. Traduku la vortojn !

Prof. Lernantoj

8. *Buŝe* : A Mi trinkas vinon : — Signifo

Ci skribas leteron : —

Li lernas lecionon : —

Ŝi legas libron : —

Ni skribas poŝtkarton: —
Vi manĝas panon : —
Ili manĝas viandon : —
B Mi skribis leteron : —
Ŝi trinkis vinon : —
Ni lernis Esperanton: —
Ili lernis Esperanton: —

C os, us, u

9. *Cu?* (*Buŝe*). Ĉu vi trinkis vinon? { Jes, mi trinkis vinon / Ne, mi ne trinkis vinon }
(Klarigu)

Ĉu vi skribis leteron?
Ĉu vi manĝis frukton?
Ĉu vi legis libron?
Ĉu vi skribos poŝtkarton?
Ĉu vi trinkos vinon?

10. *Kiu?* Kiu legis la ĵurnalon? Kiu trinkis vinon?
(Klarigu) Kiu skribis leteron? Kiu lernos Esperanton?
Kiu manĝos viandon? K. t. p.

11. *Kion?* Kion vi trinkis?
(Klarigu) — skribos?
— legos?
— lernos?
— manĝis? K. t. p.

Etirita el la « Nova Tutmonda Lernolibro » 1/2 Sm.

Prof. MARÉCHAL,
LEEDS. — Anglujo
(Ĉiuj rajtoj rezervitaj).

---

# Kiom da gelernantoj sidu en lernĉambro?

La saksa instruistaro celas la nombron 35 kaj motivas sian postulon per la sekvantaj kialoj.

Ĉiu instrua ĉambro estu ne pli longa ol 9 m., ne pli larĝa ol 6 m. kaj ne pli alta ol 4 m., ĉar la plej malgrandajn signojn sur landkartoj, bildoj kaj aliaj instruiloj pli malproksimajn ol 9 m. oni ne povas rimarki. Kelkaj konsonantoj de la lingvo estas klare distingeblaj je granda

distanco nur per la plej granda peno de la parolorganoj. La maksimuma larĝeco da 6 m.estas postulata precipe pro la lumigo ; en pli larĝa lernĉambro la sidlokoj, kiuj estas la plej malproksimaj de la fenestro,estus ofte tro malmulte lumigataj. Se la alteco estus pli granda ol 4 m, la ĉambro estus malfacile varmigata. Sekve la areaĵo de ĉambro povas esti maksimume 54 m² kaj la kuba enhavo 216 m³.

Kuracistoj kompetentuloj postulas ĉirkaŭ 20 m³ da freŝa aero por ĉiu lernanto pohore. Ĉar la teknikaj iloj ebligas nur maksimume kvarfojan aerŝanĝon pohore, la postulo de 5 m³ da volumeno por unu lernanto estas sufiĉe motivita. Plue postulas la saksa instruistaro minimume 1,25 m² da areaĵo por unu infano. Kiu pripensas, ke ĉiu lernanto bezonas multe da spaco por la ĉiuhore necesaj spirekzercoj kun la diversaj brakmovoj (nekalkulite kelkajn instruajn aranĝojn), komprenos tiun ĉi postulon.

Se la 216 m³ kaj 54 m² ankoraŭ ne estas plene konsumataj de 35 gelernantoj, oni devas atentigi, ke la ilaro (benkoj, ŝranko, lavtablo, katedro, tabulo) ankaŭ spacon forprenas ; sekve la supre cititaj nombroj 9, 6 kaj 4 m estas la minimumaj.

Al la bonfaro, kiu el tiaj cirkonstancoj rezultas por la korpa sano de la gelernantoj, aliĝas ankoraŭ, ke instrua kaj eduka influo rilata al individueco estas ebla.

Esp. grupo de geinstruistoj
en Chemnitz.

---

# La eltrovo de la vapormaŝino

(*Originale verkita de Alois Halamasek*)

Kiam iu demandas, kiu eltrovis aŭ elpensis la vapormaŝinon, oni povas nur diri, ke tiu ĉi eminenta eltrovo estus neefektivigebla de *unu* homo. Oni ne povas nomi nek eltrovinton, nek elpensinton, sed nur kelkaj plibonigintojn, kiuj nur plibonigis la komencajn entreprenojn de siaj antaŭuloj. La vapormaŝino, kiel valora frukto, iom post iom perfektiĝis. Jam en malnovaj tempoj la idolistaj

pastroj germanaj sciis pri la forto de la vaporo. Ankoraŭ hodiaŭ oni povas vidi idolstatuon, nomitan « Püsterich » (« Pisteriĥ ») en la germana urbo Sondershaŭsen, per kiu la idolistaj pastroj pruvadis al la popolo la koleron de l'idolo. La idolo estis fandita el metalo kaj estas kava ; ĝi enhavas nur du truojn, kiuj prezentas la okulojn. Dum la idolservo la pastroj plenigis per akvo la korpon de l'idolo, ŝtopis ĝiajn okulojn per ŝtopiloj kaj ekbruligis brulaĵon en la kava interno de la trono, sur kiu la idolo sidis. Post kiam la akvo ekbolis, oni aŭdis fantoman muradon, kiu iom post iom plifortiĝis, ĝis fine la vaporo elpuŝis la ŝtopilojn el la okuloj de l'idolo. Bruegante la vaporo elŝprucis el ambaŭ truoj kaj la idolo estis envolvita per densa vaporo ; tiamaniere la ruzaj pastroj prezentis al la miregitaj popolmasoj la koleron de l'idolo. Sed de tiaj ludiloj ĝis praktika, meĥanika uzado de la vaporo pasis kelkaj jarcentoj. La unuan provon, movadi ŝipon per vaporo, faris la hispana ŝipestro Blasco de Garay. Laŭ la ordono de la reĝo Karolo Va li faris provon per sia nova vaporŝipo en la haveno de Barcelono en la jaro 1545a. La ruza Blasco de Garay kovris la maŝinon per velo kaj oni nur vidis grandan kaldronon, radojn sur ambaŭ flankoj de la ŝipo, sed neniujn remilojn kaj velojn. En la jaro 1614a fama franca fizikisto Salomon de Caux publikigis multajn informojn pri la vapormaŝino en sia verko « Pri la movantaj fortoj ». Li esperis efektivigi siajn eltrovojn per la kunhelpo de la franca reĝo Ludoviko XIIIa kaj de la kardinalo Richelieu, kiu estis reĝa ministro.

Sed la ministro Richelieu ne konfidis al la efektivigebleco de la proponoj de Salomon de Caux. Por esti liberigita de liaj nelacigeblaj petadoj, Richelieu proklamis lin freneza kaj ordonis lin malliberigi en la Pariza frenezulejo. En la frenezulejo Salomon de Caux ofte estis vizitata de la angla scienculo Markizo de Worcester, kiu akceptis kaj disvastigis liajn ideojn pri la vapormaŝino. Markizo de Worcester trovis kelkajn anojn en sia patrujo kaj ili provis uzadi la vaporon kiel movantan forton. Ili konstruis kelkajn vapormaŝinojn kiuj komence montris multajn

neperfektaĵojn. Ĉiujn tiujn neperfektaĵojn forigis la Skoto James Watt. kiu konstruis la unuan taŭgan vapormaŝinon. James Watt naskiĝis en la jaro 1736a en Skotlando kaj estis malforta dum siaj infanaj jaroj ; liaj prudentaj gepatroj permesis al li mem elektadi liajn plezurojn kaj okupadojn laŭ lia volo, La gepatroj baldaŭ rimarkis, ke la knabo interesiĝas pri meĥanikaj kaj matematikaj studadoj.

Foje la patro de Watt estis vizitata de amiko, kiu trovis la malgrandan Watt kuŝantan sur la planko, desegnantan kruciĝitajn liniojn. La amiko ekvokis :

« Kia granda knabo kaj li sin okupas per tiaj ludaĵoj. Ĉu tio ne estas hontiga ? »

« Trankviliĝu, kara amiko, antaŭ ol vi kondamnas la desegnaĵojn de la knabo, unue atente rigardu, kion li faris ! » respondis la patro. Kaj la amiko, rigardante la diversajn liniojn, baldaŭ devis konstati, ke la knabo solvis matematikajn problemojn. Antaŭsentante la inklinon de sia filo por meĥanikaj okupadoj, la patro aĉetis por li malgrandan kolekton da ludiloj ; li dispartigis kaj kunmetis ilin kaj baldaŭ prosperis al li fabriki elektran maŝinon, per kiu li tre ĝoje amuziĝis kun siaj kunludantoj. Unuavide Watt aspektis kvazaŭ malvigla kaj ne estis kapabla lerni parkere ; malgraŭ tio li des pli pripensis pri ĉiu objekto, kiu instigis lian atentecon. Feliĉe liaj gepatroj estis sufiĉe kleraj por ĝuste juĝi la knabon ; sed lia onklino ofte riproĉis lin pro lia malvigleco kaj sentaŭgeco. Fojo ŝi alvokis al li : « Pli multe ol unu koro pasis, sen ke vi parolis eĉ unu vorton ! Ĉu vi scias, kiel vi pasigis la tutan tempon ? Vi tuj levis tuj mallevis la kovrilon de tekruĉo, vi tenis tason kaj kuleron super la vaporo kaj rigardadis la gutojn, kiuj formiĝis. Ĉu tio estas ĝusta okupado, ke vi tiamaniere malbonuzu la tempon ?» La severa onklino certe ne sciis, ke eble tiu ĉi horo estis decidiga por ŝia nevo kaj la eksperimento, kiun li efektivigis, estis la unua ŝtupo al lia estonta gloro. Junulo 19 jara li vojaĝis Londonon kaj tie fariĝis lernanto ĉe sperta meĥanikisto. Li bezonis por la vojaĝo 12 tagojn kaj li certe ne antaŭ-

sentis, ke oni iam — dank'al liaj eltrovoj — povus efektivigi tiun ĉi vojaĝon en 12 horoj. En Londono li restadis nur unu jaron ; de tie li iris al Glasgow, en Skotlando, kie li fariĝis meĥanikisto en la tiea universitato. En la kolekto de la universitato interalie troviĝis modelilo de vapormaŝino, kiu estis difektita aŭ pli vere neniam uzita kaj oni ordonis al Watt ĝin ripari.

Li perfekte efektivigis la komplikitan laboron, sed malgraŭ tio li per duobla diligenteco daŭrigis siajn studadojn. Baldaŭ li trovis la kaŭzon de la mankhava konstruo de la vapormaŝino. Tiu ĉi ĝusta kompreno instigis lin konstrui aparaton, kiun li efektivigis ĉirkaŭ la mezo de la jaro 1765a. Tri jaroj pasis de kiam Watt finis sian eltrovon antaŭ ol prosperis al li ricevi monhelpon por konstrui novan vapormaŝinon laŭ pli granda skalo, por ke ĝi fariĝu taŭga por la uzado. Feliĉe li tre bone sukcesis kaj li tiel perfektigis sian eltrovon, tiel ke oni sendube povas nomi lin eltrovinto de la vapormaŝino. Honoron al lia nomo ! Lia eminenta nomo por eternaj tempoj brilos per oraj literoj en la granda libro de la mondhistorio.

---

## *Helpu la sukceson de Esperanto !*

Karaj gesamideanoj ! En la nuna jaro okazos en Stuttgart la 8a Germana Esperanto-kongreso. La kongreslibro enhavos interalie opiniojn de eminentuloj ĉiufakaj (art-, industri-, komerc-, scien-, verkistoj k. t. p.) pri mondlingvo ĝenerale kaj Esperanto speciale. La opinioj estos presotaj en la lingvo uzita de la eminentulo kaj tradukotaj esperanten. Jen propono por petskribo :

Tre estimata sinjoro ! Por internacia disvastigota libro oni kolektas la opiniojn de eminentuloj ĉiufakaj pri internacia helplingvo ĝenerale kaj pri Esperanto speciale. Ĉu mi rajtas peti de vi vian opinion (kia ajn ĝi estas) kaj la rajton presigi tiun vian opinion ? Se vi scias skribi vian opinion en Esperanto, tiom pli bone... Altestime....

Al tiu peto oni almetu iun propagandilon por konigi nian aferon al ĝis nuna nekonanto de nia lingvo.

Samideanoj! Tia enketo konigos en gravaj rondoj nian celadon, kaj la libro fariĝos tre efika propagandilo por ni. Mi dankas jam nun al ĉiu, kiu baldaŭ kunhelpos tielmaniere, same al tiu, kiu bonvolos atentigi min pri jam presitaj tiaj opinioj (en gazeto ktp.) aŭ kopii tiajn dirojn aldonante la devenon (gazeto en kiu ĝi estas presita).

Oni adresu:

Esperanto-Kongreso Stuttgart (Germanujo).

Kun samideana saluto

P. CHRISTALLER, Stuttgart.

---

## Al la Kuracistoj

(Tiu artikolo skribita por kuracistoj; ni petegas ĉiujn samideanojn, kiuj povas efike agi sur amikoj kuracistoj, esperantistoj aŭ ne, ke ili atentigu ilin pri ĝi. Estas tre grave altiri al nia afero multajn scienculojn, kaj ni konsilas al sindonaj samideanoj presigi la tradukon de tiu artikolo en ĵurnaloj de ilia lando, ĵurnaloj kuracistaj aŭ ne.)

Se estas profesio en kiu Esperanto estas utilega, ĝi estas la kuracista profesio. Kiam esperanto estos pli disvastigita ĉe la kuracistoj, oni ne vidos plu tiujn internaciajn kongresojn, iom ridindajn, en kiuj ĉiu scienculo parolas nacilingve, kaj estas nur komprenata de siaj samlanduloj. La gravaj verkoj de kuracistoj ĉiulandaj estos tradukataj aŭ rezumataj en unu lingvo, Esperanto; ili estos senprokraste komprenataj, kaj povos esti kopiitaj de tutmondaj ĵurnalistoj. La kuracistoj povos korespondadi inter si, de iu lando al alia lando, sen tradukistoj, kaj interkonsultiĝi pri temoj sciencaj, aŭ pri profesiaj demandoj, etiko, tarifoj k. t. p.

Sed, diros la kuracistoj, ĉu la scio de tri lingvoj, angla, franca, germana, ne sufiĉas? Ne, ĉar, krom sia reala malfacileco, la scio de tiuj lingvoj ne permesas la rilatojn kun la Rusoj, la Italianoj, la Japanoj k. t. p.

Sed, diros ankaŭ la kuracistoj, ĉu la latina lingvo ne taŭgas! Ne, ĉar ĝi estas malmulte disvastigita eĉ ĉe la kuracistoj, malfacilege skribebla, diversmaniere elparolata laŭ la landoj, ne konformigebla al niaj nunaj bezonoj

(estus necese krei multajn novajn vortojn) ; fine la sama latina vorto havas ofte multajn diversajn signifojn, tio kio tro malfaciligus la tradukojn.

Esperanto estas tre facila; ĝia gramatiko havas nenian escepton, kaj kuracisto, post kelkaj horoj, povas scii ĝin sufiĉe por skribi ; post kelkaj semajnoj li povas paroli ĝin flue.

Ofte mi aŭdis kolegojn diri : Kiel interkompreniĝi ? Anglo elparolos Esperanton tiamaniere, germano alie, Franco triamaniere. Ne, ĉar en Esperanto ĉiu litero havas ĉiam saman elparolon. La tonika akcento estas en ĉiuj vortoj sur la antaŭlasta silabo. Mi ankaŭ tion timis, sed mi estis konvinkita ke tio ne estas vera ĉar, en la kongreso Dresdena mi facile parolis esperante kun kolegoj germanaj, anglaj, svedaj, danaj, k.t.p. Dum kongresoj en Cambridge, Dresden, Antwerpen kaj Krakaŭ, kuracistoj el pli ol dek nacioj povis dank' al Esperanto kunsidi, kaj interparoli pri diversaj temoj.

Estas Asocio fondita por grupiĝi ĉiujn esperantistajn kuracistojn ; oni nomas ĝin TEKA, tio estas tutmonda esperantista kuracista Asocio. Ĉiuj esperantistaj kuracistoj havas la devon subteni ĝin, pagante kotizaĵon kaj varbante novajn anojn. Vi adresu la kotizaĵon, 2 Sm. al la kasisto Doktoro George Johnston, 24 Seymour Str., Portman square London. Por tiu kotizaĵo vi ricevos senpage la tre interesan novan ĵurnalon internacian Kuracisto. (Por havi specimenon sendi unu respondkuponon al Doktoro Chybczynski, Warszava, str. Szopena nº 1, Rusujo.)

Doktoro BRIQUET.

---

## Diversaj komunikoj

*Internacia Esperantista Semajno-Kongreso.* — Gent (Belgujo) de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto 1913. (Kun la aprobo de la Belga Registaro). — Literatura kaj desegnaĵa konkurso. — La kongresanoj havos la liberan eniron de la Ekspozicio dum la tuta esperantista Semajno. — Oni venu multnombre al Gent !

*IX. Universala Kongreso de Esperanto.* — Bern (Svisujo) de la 24a ĝis la 31 de Aŭgusto 1913. — La organizado bone marŝas ; la jenaj festoj okazos : internacia balo, granda koncerto de Berna virĥoro, ekskursoj en la plej bela parto de la svisa Alparo. — La fervojoj eldonas specialajn abonojn por 15 aŭ 30 tagoj. — La subkomitato por loĝado povas de nun plenumi ĉiajn petojn pri ĉambroj k. t. p., — Kotizon 15 fr. (6 Sm) oni sendu al la « Kantonalbank » en Bern. — Korespondaĵojn oni adresu : IX Universala Kongreso de Esperanto. — Bern.

## NEKROLOGIO

La 25an de Februaro mortis en St Chamond (Francujo) nia bedaŭrata kolegino kaj membrino, fraŭlino Louise Raffard, vicprezidantino de la Esperantista Grupo de sia urbo. Ŝi estis unu el la unuaj kaj plej sindonemaj esperantistinoj el la tuta regiono. Ĉeestante la Krakovan kongreson ŝi ĉeestis la specialajn kunvenojn de I. A. I. kaj tuj aliĝis al nia asocio, tute preta por helpi laŭ siaj fortoj.

Al ŝia ploranta parencaro ni transdonas nian plej sinceran kondolencon.

Kara kolegino, ripozu dolĉe ! Ni konservos vian memoron en niaj koroj. I. A. I.

## Novaj membroj, kiuj aliĝis antaŭ la 10a de Aprilo 1913.

124 S-ro Leo Jalava, Erikastr., 4, Helsinki (Finlando-Rusujo). Sm. 1.—

125 F-ino Kazimieva Boron, Szczawne (Galicio-Aŭstrio). 1.—

126 S-ro F. Topiĉ, 11, Ferdinandova, Praha (Bohemujo-Aŭstrio). 1.—

127 S-ro Vladimir Savviĉ Davidov, B. Nikitskajastr., 10, kv. 21, Moskvo (Rusujo). 1.—

128 S-ino Olga Lebedeva, Za Tvercoj, Zemskaja ŝkola Tver (Rusujo). 1.—
129 S-ro H. Janverk, Ekaterinodar (Rusujo) 1.—
130 S-ro H. M. Lanyon, Gisborne (Victoria-Aŭstralio) (Jam ankaŭ pagis sian kotizaĵon por la jaro 1913-1914) 2.—
131 F-ino M. Davidov, Kamar Ekat. gub. (Rusujo) 1.—
132 S-ro Edouard Haine, Chaussée de Mons, 1065, Anderlecht - Bruxelles (Belgujo). 1.—
133 S-ro A. M. Finjakov, Urupskaja, Kubanskoj obl. (Rusujo). 1.—
134 S-ro C. Lhuissier, Bouère (Mayenne-Francujo). 1.—

## Malnovaj membroj, kiuj pagis sian kotizaĵon por la jaro 1912-1913.

55, S-ro N. Moesgaard (1 Sm); 24, S-ro J. Bourniche (1 Sm); 25, S-ro L. Delvaux (1 Sm).

## Monofero.

S-ro J. Bourniche (0,500 Sm); S-ro Finjakov (0,200 Sm).

## Vendita.

1 libro de S-ro Maréchal (0,500 Sm) al S-ro N. Moesgaard.

# TRA LA MONDO

*Invito al subskribado por nova Esperanta ilustrita eldonaĵo : TRA LA MONDO (Ilustrita monografiaro pri urboj kaj landoj de tuta mondo.)*

D-ro Jos. Belohlav, verkisto en Praha, Bohemio-Eŭropo, komencos jam baldaŭ eldonadi tiun ĉi novan Esperantan editaĵon, kiu laŭ faritaj propozicioj estos efektive *reprezenta verko de nia literaturo.* Plej eminentaj urboj de tuta mondo tie ĉi reprezentiĝos per memstaraj monografioj, verkitaj de lokaj specialistoj ; al la leganto konatiĝos plej precize la historio kaj ĉiuj memorindaĵoj de la priskribata urbo. *Fundamento de la verko estos ĝia*

*ilustrita parto.* Ĉiu aparta volumo alportos 40 ĝis 50 elektitajn ilustraĵojn laŭ originalaj fotografaĵoj. Tuta verko estos presita sur belega kretizita papero per luksa ilustrofarbo. Ĉiu volumo, en grando 14×23 cm., estos aparte broŝurita en firma kartonkovrilo, kaj pro sia belega kaj valoro enhavo same kiel pro sia luksa ekstera aranĝo fariĝos efektiva paradaĵo de ĉiu biblioteko. Malgraŭ tio, la novaj editaĵo estos tiel malkara, ke ĉiu esperantisto interesiĝanta pri kono de fremdaj urboj kaj regionoj, povos gin havigi al si. Unu volumo kostos sole 1/2 Sm. afrankite. Jare aperos 10 volumoj. Subskribota sumo de 5 volumoj estas sole 2 1/2 Sm. Kiel unuaj aperos la monografioj : Konstantinopolo, Napoli, Warszawa, Hamburg, Roma, Peterburg, Berlin, Verona, Paris, New-York. — La aliĝon kun abonpago 2 1/2 Sm. sendu se eble, pere de klubo, je adreso :

D-ro Jos. Belohlav,
Praha, Bohemio, Europo.

## INFORMO

Nomaro de 100 samtempe aperantaj esp. gazetoj kun multe da sciigoj pri la esperanta movado, artikoloj espertaj, literatura aldono kun traduko de la fama bohema romano Avineto, nomaro de korespondantoj (n-o po 20 pĝ.) estas enhavataj en la specimena n ro de « Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu ». Por unu respondkupono vi ricevos du malsamajn specim. n-ojn, gvidfolion tra Praha kaj aliajn presaĵojn esp. La adresoj de fremdlandaj korespondantoj estas enpresataj senpage ! Sin turni al Red. de Ĉ. Ĉ. E. en Praha II. Dittrichova ul. 7. Bohemujo.

Baldaŭ aperos : Jan Amos Komensky (Comenius) 1592-1670. La unua pioniro por ideo pri artefarita lingvo internacia. Tiu ĉi fama filozofo ellaboris jam en la jaro 1641 en sia verko « Via Lucis » detalajn regulojn pri konstruo de arta helpa lingvo, respondantajn al la principoj de Esperanto. La verko (proksimume 70 pĝ.) estas jam nun mendebla (tri resp.-kup.) ĉe « Esperanto-Oficejo » en Praha II. Vodiĉkova ul. 38, Bohemujo.

## Bibliografio

*Esperanta Koresponda Kurso por Ĥinoj* (kajeroj 7 & 8). — Redaktita de S-ro H. Ĉ Ŝan. — Adm. : La C.

O. de Ĥ. E. A. ; 49, Linyen Kd., W. gate., Shanghai, Hinujo.

*Esperantista Filatelisto nº 1*, organo de Esperantistoj ĉiuspecaj kolektantoj. — Aperas en ĉiu ne para monato. — Jarabono : 1 krono (0.425 Sm.) — Redaktoro : Jozefo Takàcs, Gyór. — Vasàrtér, 9. — Hungarujo.

*Karaktero* laŭ Mr J. M. Van Stipriaan Luïscius, advokato en Hago, tradukis J. L. Bruyn ; dua, plivastigita kaj plibonigita eldono, tradukita laŭ la 6a eldono de l'nederlanda originalo, kaj kontrolita de la Esperantista Literatura Asocio. — Prezo : 0.200 Sm. Eldonis librejo « Espero » en Hago.

Por ni, geprofesoroj kaj instruistoj, la libro estas nepre rekomendinda, tiom pro ĝia bona stilo kiom pro ĝia riĉa, eduka valoro. Ĝi respondas la sekvantajn demandojn: 1e kio estas karaktero? 2e kiel oni formas karakteron? 3e el kio konsistas bona karaktero ?

*La Literatnra Agado de Hungaraj Esperantistoj dum la jaro 1912*, verkis Jozefo Takàcs nº 1 de la bibliot eko de Panonio.
Prezo : 25 (0,100 Sm). — Ĉe L Kòkai, Kàroly u,, 1. Budapest IV, Hungarujo.

Aŭtografiita libreto montrante la parton de la laboron propagandan, kiun plenumis niaj hungaraj samideanoj dum la jaro 1912.

*Propaganda piedvojaĝo al la Oka Internacia Esperantista Kongreso* (Parizo — Krakovo) verkis V. N. Devjatnin (L. K.) Prezo : 1.50 mk (0.750 Sm).

94 paga libro ilustrita, enhavante la detalan priskribon de la piedvojaĝo farita de la aŭtoro kaj de Sro Romano.

---

## Atentu ! Gravege !

Mi insiste kaj ĝentile petas la malnovajn membrojn, kies numero sekvas, sendi tuj sian kotizaĵon por la nuna asocia jaro (1912-1913), ĉar de tio dependi la plua regula aperado de nia revuo tiun ĉi jaron. Por ne malhelpi la regulan funkciadon de nia asocio, la personoj, kiuj ne plu deziras resti ano de I. A. I., estas ĝentile petataj informi nin pri tio.

La kasisto de I.A. I.

Anoj ne ankoraŭ pagintaj : nº 9, 12, 13, 14. 36, 37, 40, 43, 44, 45, 48, 49, 51, 52, 57, 60, 61, 64, 68, 69, 71, 72, 73, 74, 79, 81.

# LUEBLA

---

## Avizo al la verkistoj kaj eldonistoj

Se vi vere deziras ke viaj verkoj kaj eldonaĵoj estu kiel eble plej multe vendataj, anoncu ilin en nia revuo. Viaj anoncoj estos legataj de niaj gemembroj, kiuj ĉiuj estas ne nur fervoraj esperantistoj, sed ankaŭ *instruantoj* de Esperanto. Al ili estas do komisiita konigi viajn verkojn kaj eldonaĵojn.

Gemembroj-verkistoj, profitu de la speciala rabato : neniu allie gazeto oferas al vi tiel profitigajn kondiĉojn !

Gekolegoj, varbu anoncantojn !

## — DANUBO —

—

Monata organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esperantistoj
32 p., nur en Esperanto
Jara abono : 3.50 fr. (1, 400 Sm.)
Adm. : 14, str., Belvedere.
Bucuresti, Rumanujo.

---

## LINGVO INTERNACIA

—

Centra organo de la Esperantistoj
La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj, fondita en 1895, aperas post la 15a de ĉiu monato.
Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)

—

## JUNA ESPERANTISTO

—

Monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto - lernantoj
Jara abono : 3 fr. (1.200 Sm.)
Ambaŭ gazetoj kune : 7 fr.
Adm. : 33, rue Lacépède
— Paris —

---

## POLA ESPERANTISTO

—

Monata gazeto kun senpaga literatura aldono
Oficiala organo de la 8a
20 p., Esperante & pole.
Jara abono : 2.50 rb. (2.650 Sm.)
Adm. : Hoza 20, Varsovio.

## LA MOVADO

—

Franca esperantisto
Monata organo de la francaj esperantistoj
16 p., Esperante & france
Jara abono : 3.25 fr. (1,300 Sm.)
Adm.: 61, Boulevard St-Marcel,
— Paris —

---

## LA HOLANDA PIONIRO

—

Monata oficiala organo de Holanda Societo Esperantista
4 paĝa grandformata, Esperante & holande
Jara abono : 1.20 fl. (1 Sm.)
Adm. : Prinsestr., 48, Hago.

---

## ITALA ESPERANTISTO

—

Monata oficiala organo de Itala Esperanto Asocio
12 p.. Esperante & itale
Jara abono : 3 l. (1,20 Sm.)
Adm. : 13, Salita Pollaiuoli.
— Genova —

---

## — TUTMONDA ESPERO —

—

Oficiala, monata organo de la Kataluna Esperantistaro. —
16 p , Esperante & katalune
Jara abono : 3 fr. (1, 200 Sm.)
Adm. : str. Tallers, 81
Barcelono. — Hispanujo

